# INTERNACIA MEDICINA REVUO



Oficiala Organo
de
TUTMONDA
ESPERANTISTA
KURACISTA ASOCIO
(T. E. K. A.)

Monata ligilo
de la kuracistoj,
farmaciistoj, dentistoj
kaj aliaj medicin-
rilatantaj profesianoj

14a Jaro N-ro 1/3 Januaro-Marto 1936


## ENHAVO

### OFICILAJ SCIIGOJ



### ORIGINALA ARTIKOLO



### KAZUISTIKO



### REFERATOJ



### DIVERSAĴOJ




**Adreso : 19, avenue Montjoie, Uccle 3 (Belgujo)**

---

BONVOLU KOREKTI !

En la artikolo de D-ro WELEMINSKY (Praha) pri **Specifa diagnozo kaj terapio de la tuberkulozo** publikigita en n-ro 10/12 de la jarkolekto 1935 enŝoviĝis preseraroj :

Sur paĝo 38a, 12a linio de malsupre, legu **se** anstataŭ **ke.**
Sur paĝo 39a, 17a linio de malsupre, legu **malaltiĝas** anstataŭ malaltigas.
Sur paĝo 40a, 5a linio de supre, legu **grandigu** anstataŭ **gradigu.**

# INTERNACIA MEDECINA REVUO

DEKKVARA JARKOLEKTO

1936

# OFICIALAJ SCIIGOJ

## AL NIAJ AMIKOJ,

Antaŭ kelkaj semajnoj ni forsendis la lastan kajeron por 1935. Nun ni prezentas al vi la unuan por la jaro 1936, kaj havas bonan esperon ke ni baldaŭ povos aperigi la sekvantajn, tiamaniere ke, por 1937 nia organo denove aperos regule.

Ni ŝuldas al vi kelkajn klarigojn, pri la kaŭzoj, kiuj prokrastigis la aperon de nia kara revuo.

Antaŭ kelkaj jaroj, ni publikigis la « Medicinan Vortaron », laŭ deziro de multaj el niaj amikoj; malgraŭ financa helpo de kelkaj, kaj pro nesufiĉa disvendo, la tutaj kostoj de la eldono ne estis retrovitaj. Ni tamen povis esperi, ke la deficito povus esti kovrata dank'al pliaj enspezoj pro la vigla laboro de nia anonc-peranto, S-ro Wittenberg.

Sed tiam aperis diversaj ekonomiaj kaj politikaj faktoroj, kiuj malpliigis konsiderinde niajn enspezojn. Krizo, falo de diversaj valutoj, malpermesoj sendi monon eksterlanden, devigo por nia anonc-peranto forlasi la laboron kaj foriri eksterlanden, kaj krome neebleco por li pagi la ŝuldatajn sumojn por presigitaj anoncoj ! Ni samtempe restis kun ŝuldo al la presisto, kiu iom post iom pli akre postulis likvidon de niaj kalkuloj !

Tiu situacio devigis min severe kontroli la elspezojn. Mi limigis la nombron de la paĝoj, maldungis la sekretariinon, kiu zorgis pri la administra laboro, kaj klopodis ĉion prizorgi mem, daŭrigante la eldonon de la gazeto, tiamaniere ke kun helpo de kelkaj fidelaj amikoj, mi povos vivteni, ĝis kiam revenos pli prosperaj tempoj. Sed la laboro estis tro granda, kaj miaj profesiaj okupoj ofte malhelpis min efektivigi ĉion, kion mi volus fari. Krome, antaŭ unu jaro, la presisto komencis proceson kontraŭ mi persone, kaj tio ankaŭ perdigis al mi ne nur multvaloran tempon, sed ankaŭ kuraĝon !

Fine, mi alprenis radikalan solvon. Je propra risko, antaŭ du monatoj, mi redungis la sekretariinon, kies helpo estas multvalora, ĉar ŝi konas ĉiujn detalojn de la administrado. La rezulton de la laboro, vi ja vidas.

Nun restas al vi, karaj amikoj, alia tasko. Vi devas helpi per via tuja reabono, kaj se eble, per iu speciala donaco por forigo de la antaŭa ŝuldo. Vi devas rekomenci vian propagandon por Esperanto en medicinaj rondoj, vi devas varbi abonantojn kaj anoncantojn por I. M. R.

Tuj kiam mi estos likvidinta la malnovajn ŝuldojn, ĉiuj enkasigitaj sumoj estos dediĉataj al pliampleksigo de la revuo, kaj al propagando, speciale en la medicinaj kongresoj.

Mi speciale alvokas al ĉiuj landaj kasistoj por ke ili laŭeble enkasigu la abonojn. De ilia laboro grandparte dependos la reviviĝo de nia kara Internacia Medicina Revuo.

Pro necesa ŝparo, la gazeto estos sendata regule **nur** al la membroj pagintaj por la nuna jaro.

Ni do kun nova kuraĝo reprenu la dummomente haltigitan laboron !

La administranto,
D-ro P. KEMPENEERS.



## KRISTNASKA LIBERTEMPO SUR LA LAZURA MARBORDO

La 14a Internacia Kristnaska Medicina Vojaĝo sur la Lazura Marbordo okazos de la 26a de Decembro ĝis la 2a Januaro.

La partoprenantoj vizitos Nice, Menton, Monte-Carlo, Beaulieu, Villefranche, Cagnes, Vence, Grasse, Juan-les-Pins, Antibes, k.c.

Ĉie estas aranĝitaj akceptoj, kaj la partoprenantoj vizitos diversajn organizaĵojn interesajn laŭ medicina vidpunkto.

La vojaĝo okazos per luksaj aŭtomobilegoj; loĝado en plej bonaj hoteloj. Kuracistoj, kuracistedzinoj, medicin-studentoj ricevos rabat-biletojn, rajtigantajn je 50 % rabato por la francaj fervojoj.

La vojaĝo estas aranĝita de la Medicina Societo de la Mediteranea Marbordo, al kiu vi bonvolu vin turni por ricevi detalajn programojn kaj prezolistojn. Skribu en esperanto, al la Sekretario de la Medicina Societo, 24, rue Verdi, Nice (Francujo).

---

# ORIGINALA ARTIKOLO

## ĤIRURGIA KURACADO DE SKOLIOZO (1)

de D-ro P. KEMPENEERS (Bruselo).

616.711 - 00755 - 089.843

1. — **Enkonduko :**

Multaj diversaj metodoj estas elpensitaj kaj aplikataj en la kuracado de la skoliozoj : gips-litoj en dorsa aŭ flanka dekubito, gipsaj, celuloidaj, ledaj aŭ ŝtal-stangaj korsetoj laŭ HESSING, ABBOTT, k. c., saniga gimnastiko, masaĝo kaj multaj aliaj.

Ni tamen vidas kazojn, kiuj malgraŭ tiuj sanigaj rimedoj, longe kaj akurate aplikitaj, malfavore evoluas, ĉiam pligraviĝas tiel ke la paciento suferas penigajn dolorojn kaj perdas eblecon de aktiva vivo, venante en staton de preskaŭ kompleta invalideco.

Dum kelksemajna laborado en la Universitata Ortopedia Kliniko « Anna » en Leiden (Nederlando), mi havis okazon pristudi la historion de sufiĉe granda nombro da pacientoj, ĉeesti diversajn operaciojn kaj daŭre observi plurajn operaciitojn.

La rezulton de tiu laboro mi nun prezentas al vi dank'al afableco de P-ro Murk JANSEN, estro de la Universitata Ortopedia Kliniko kaj de lia kunlaboranto D-ro MEISS, kiujn mi ĉi tie publike dankas.

2. — **Diversa evoluo de kuracataj skoliozoj.**

En la privata praktito de P-ro Murk JANSEN, kaj en la universitata polikliniko, multaj kazoj de skoliozo estis observataj, kelkaj dum longaj jaroj, kaj kuracitaj regule per la persona metodo de P-ro Murk JANSEN : flanka dekubito sur la gibo en gipslito kaj uzo de memorigilo (malpeza aparato konsistanta el metala zono sur kiu estas fiksita vertikala fera stango; je la supra ekstremaĵo estas fiksita mallarĝa leda rimeno ĉirkaŭanta la kolon; kiam la paciento malstreĉigas la muskolojn kaj kurbigas la dorson, la kolo malproksimiĝas for de la stango kiu, pere de la rimeno apoganta sin sur la traĥeo, **memorigas** la pacienton ke li devas streĉi la dorsajn muskolojn kaj rektigi sin).

---

(1) Prezentita al la TEKA - kunsido, dum la Universala Kongreso en Stockholm (aŭgusto 1934).

Ankaŭ aliaj observitaj kazoj estis antaŭe daŭre kaj akurate kuracitaj de aliaj kompetentaj ortopediistoj per diversaj metodoj priskribitaj en la literaturo.

El tiuj skoliozoj, kelkaj evoluis tute malbone; ne nur paralizaj skoliozoj, sekvoj de antaŭa poliomjelito, sed ankaŭ esencaj skoliozoj montris daŭran kreskadon de la lezoj; la vertebraro flankeniĝis pli kaj pli, kaj aperis rapida laciĝo, doloroj en la konkava flanko de la torako kaj en la vertebraro, zonoformaj doloroj, kaŭzitaj de la kontaktiĝo inter la ripoj kaj la iliaka kresto; ankaŭ aperis digestaj simptomoj : senapetiteco, naŭzoj, vomoj, k. t. p.

La observado de tiaj kazoj, kaj la sperto akirita kondukis P-ron Murk JANSEN kaj lian stabon starigi la jenajn indikojn por ĥirurgia kuracado de skoliozo.

3. — **Indikoj de ĥirurgia kuracado :**

31. **Absoluta indiko :** nereduktebla skoliozo, pligraviĝanta regule, kaj kaŭzanta tiom da perturboj, ke la paciento perdas sian laborkapablecon.

32. **Rilativa indiko :** skoliozo kiu regule pligraviĝas iom post iom, malgraŭ konvena kuracado, aplikata akurate de la gepatroj.

4. — **Tekniko.**

La ĥirurgia kuracado ne estas malfacila. Nur la flegado de tiuj pacientoj alportas malfacilaĵojn. Pro tio ni iom detale priskribos kelkajn rimedojn, kiuj multe plifaciligas la flegadon, kies bazo estas dum la unuaj semajnoj surventra daŭra dekubito, pli poste la dekubito en flanka gips-lito.

41. Antaŭ la operacio la paciento iom post iom kutimiĝas kuŝi senmove sur la ventro. Li kuŝas sur mallarĝaj kusenoj lokitaj sur aer-matraco tiamaniere ke la brusto kaj la abdomeno ripozas sur unu kuseno, la kruroj sur alia; inter ambaŭ kusenoj estas spaco por ke la skroto pendu libere. Por la virinoj, la spaco inter la kusenoj troviĝas pli alte tiamaniere ke la mamoj ne estu kunpremitaj. Rimarkinde estas, ke la ŝultroj restas tute liberaj, la paciento povas movigi la brakojn ĉiamaniere. Li tiel similas al testudo, pro tio oni nomas tion : testudo-pozicio. Dum tiu periodo oni preparas la gips-liton en kiu kuŝos la paciento dum la dua postoperacia periodo.

La paciento nepre devas alkutimiĝi al urinado kaj fekado en tiu sama pozicio. Oni ne operacias, antaŭ ol la paciento kapablas tion fari, kaj antaŭ ol li povas resti en ventra pozicio dum 24 sinsekvaj horoj.

42. **Operacio.**

421. La operacio okazas en ventra pozicio.

422. Por malpliigi la sangoperdon, kiu en la unuaj kazoj devigis interrompi la operacion kaj daŭrigi ĝin dum dua seanco, oni injektas en la operaciota regiono 2 k. c. da 1 0/00 a adrenalinsolvaĵo, diluitaj en 400 k. c. da sterila fiziologia solvaĵo.

La likvaĵon oni injektas : a) subhaŭten en la regiono kie oni tranĉos; b) laŭlonge de la vertebraj postaj elstaraĵoj; c) en la vertebrajn muskolojn.

423. Kurba tratranĉo formanta haŭtpecon kun pediklo flanke de la konkava flanko de la skoliozo. La tranĉo okazas sufiĉe malproksime de la linio de la elstaraĵoj, je la konveksa flanko, por ke la cikatro estu kiel eble plej malproksima de la grefto.

Se la skoliozo estas **S**-forma, la tranĉo interkruciĝas kun la linio de la elstaraĵoj.

424. En la unuaj operacioj, oni uzis la teknikon de HIBBS, ankilozigante la malgrandajn vertebrajn artikojn.

Poste, oni disigis la muskolojn kaj la perioston de la vertebraj elstaraĵoj, kaj, en la vundon, oni lokigis osto-periostan pecon, laŭ DELAGENIERE.

Nuntempe oni disigas la muskolojn de la elstaraĵoj kaj de la vertebraj arkoj je la konkava flanko; tion farante oni klopodas disigi ne nur la perioston, sed ankaŭ ostajn pecojn por krudigi la ostan surfacon. Hemoragion oni unuloke malpliigas per tamponado dum oni plue disigas aliloke.

425. Dum tiu tempo, dua operaciisto elsegas el la tibio ostan grefton, kiel eble plej longan, larĝan kaj dikan. En kelkaj kazoj de postpoliomjelita skoliozo, la tibioj estas atrofiitaj; tiam per unu entranĉo oni elprenas du aŭ tri ripojn, kiujn oni segas laŭlonge.

426. La grefton oni lokigas en la konkava kurbaĵo de la vertebraro; se ĝi ne adaptiĝas al la kurbaĵo, oni dispartigas ĝin en plurajn pecojn, kiujn oni lokigas tiamaniere ke unu parto kovru la aliajn. Se la greftoj konsistas el ripoj, tiu dispecigado ne estas necesa, ĉar la ripoj estas fleksеblaj.

En kazoj de gravaj S-formaj skoliozoj greftojn oni lokigas ambaŭflanke en la konkavaj kurbaĵoj.

427. Unuopaj kunkudroj de muskolo kaj de haŭto.

43. **Post la operacio :**

431. En la operaciejo mem, la paciento estas tuj kuŝata surventre, sur sian liton tien ruligitan.

432. Dum 14 tagoj, li restas senmove.

433. Post tiu tempo, la haŭtaj kudraĵoj estas forigitaj.

434. Tiam, se, kiel regule, la vundo tute cikatriĝis, oni metas la malsanulon en la antaŭe preparitan gips-liton.

Tiu punkto estas grava, car evidentiĝis ke pluraj junuloj, malpli ol 18jaraj, klare rerektiĝis en la gips-lito.

435. Li restas en la gips-lito dum ses monatoj, poste ripozas en kutima lito, iom post iom moviĝas, ruliĝas, poste prudente ellitiĝas kaj povas marŝi ok ĝis dek monatojn post la operacio.

5. — **Rezultoj :**

La kazoj ĝis nun observitaj praviĝas jenajn konkludojn :

51. La operacio ne estas danĝera; neniu morto okazis. Ŝoko ne estas grava.

52. Tekniko de la operacio ne estas komplika; kun iom da atento rilate al la flegado, kaj observante la ĉi suprajn konsilojn, ĝi povas sukcese esti efektivigata de kiu ajn ekzercita ĥirurgiisto.

53. Tujaj rezultoj :

531. Notinda plirektiĝo en la gips-lito; tiu plirektiĝo ne estas momenta sed daŭra.

532. Malapero de subjektivaj simptomoj : doloroj, rapida laciĝo, naŭzoj, vomoj, unuvorte pacientoj retrovas, almenaŭ parte, sian laborkapablon.

54. Malfruaj rezultoj : Infanoj traktitaj de grava poliomjelito povas sidiĝi ne kunfaldiĝante kaj ne kunpremante la abdomenajn organojn.

6. **Riproĉoj kontraŭ la metodo.**

61. Oni riproĉis al tiu metodo, ke ĝi kaŭzas vertebran rigidecon. Praktike oni ne konstatis iun malordon pro tiu rigideco.

62. Oni ankaŭ opiniis, ke la grefto ne povos kreski paralele al la vertebraro, kaj povus okazigi pligravigon de la kurbaĵo. Tiun kulpigon P-ro Murk JANSEN konsideris; tamen konstatinte ke la vertebraroj per metodo de ALBEE ankilozitaj, pro tuberkuloza spondilito, ne montris lordozon kaŭzitan de nesufiĉa kresko de la grefto, li ankaŭ operaciis la skoliozojn.

Se tamen iu opinius ke la grefto ne kreskas laŭlonge, li tamen povus operacii, lokigante ĝin je la konveksa flanko. Ĝi tiam okazigus plirektiĝon de la skolioza kurbaĵo.

7. — **Konkludo :**

Ĥirurgia kuracado de ĉiam pligraviĝanta skoliozo estas pravigata : ĝi estas sendanĝera operacio, kiu regule plibonigas la staton de malfeliĉaj pacientoj, fariĝintaj pli malpli invalidaj.

# KAZUISTIKO

## KAZO DE DIFTERIA POLINEVRITO

Memobservado de D-ro BOLROV, (Kingisepp USSR.)

Laborante, kiel kuracisto, en infekta fako de nia hospitalo mi infektiĝis pro difterio.

Tio okazis dum februaro de la jaro 1931.

La kaŭzo de infektiĝo estis granda alproksimiĝo al difterimalsanulo dum eligado de traĥeotomia tubeto.

Mia malsano evoluis en formo de flegmona angino. La kuracistoj ĝustatempe ne povis diagnozi difterion. La angino daŭris du semajnojn. La serumo kontraŭdifteria ne estis injektita. Post resaniĝo mi sentis min bone dum ĉirkaŭ dek tagoj. Poste, mi eksentis pli kaj pli grandiĝantan malpliiĝon de vidkapableco. Laŭ ordono de kuracisto oftalmologo mi komencis uzi okulvitrojn. Tamen ili ne helpis multe. Fine mi, uzante okulvitrojn, ne povis distingi proksimajn objektojn.

La dekkvaran tagon post resaniĝo je « angino » mi perdis parolkapablecon, ĉar estis paralizita uvulo kaj mia parolado estis tute ne komprenebla. Dum trinkado la fluidaĵoj elfluis el mia nazo.

Nun la diagnozo iĝis tute klara. Mi estis sendita en neŭrologian klinikon, kie mi troviĝis du semajnojn. Post la eliro el kliniko mi jam povis paroli kaj vidi. Tamen nova malfeliĉo okazis : iom post iom mi eksentis malfortecon en manoj kaj en piedoj, kaj post dukvar tagoj miaj ekstremaĵoj paraliziĝis. En tiu stato mi troviĝis du monatojn, ne povante eĉ moveti la manojn, mi tute ne povis piediri.

Post tri monatoj de l'malsana komenco mi iom resaniĝinta veturis Pjatigorskon, kie mi estis kuracita dum kvin semajnoj per sulfuraj banoj. Reveninte hejmen mi sentis min tute sana.

Subite mi eksentis grandegajn dolorojn ĉe lumbo, la urinado iĝis doloriga. En urino aperis sango. Tiu ĉi hematuria nefrito daŭris dekdu tagojn. Pasis du semajnoj kaj mi denove suferis hemoragian koliton, kiu daŭris kvin tagojn.

Fine mi resaniĝis tutplene.

Analizante mian malsanhistorion mi povas konkludi, ke diagnoza eraro sekvigis tutan vicon da simptomoj de ĝenerala venenigo de l'organismo per difteria viruso longe restinta en organismo. La nervaj fenomenoj (paralizo de okulmuskoloj, paralizo de uvulo, paralizo de brakoj kaj piedoj estis unua etapo de malsano. La dua etapo estis afektoj de internaj organoj (renoj, intestaro) kun hemoragiaj simptomoj. El tio oni devas konkludi, ke estas tre grave ĝustatempe diagnozi difterion, kaj estas tre grave ĝustatempe injekti al malsanulo la antidifterian serumon, por profilakti la suprecititajn komplikaĵojn.

*INTERNACIA MEDICINA REVUO, VOL. 14.*

# REFERATOJ

D-ro P. FRUICTIER (Vichy). — **Ĉu la kvanto de la ensanga ureo korespondus kun la grado de la organara defendo ?** (El « La Clinique », Januaro 1936.)

616.153.8

Studinte la problemojn de la azota reteno, D-ro Fruictier opinias ke :

1) La pliiĝo de la ensanga ureo certe havas klinike ĉefan gravecon, sed oni devas ĝin taksi laŭ la cirkonstancoj specialaj al ĉiu aparta kazo.

2) Ĝi povas ne ekzakte korespondi kun la evoluo de nefrito; tiuvidpunkte pli gravas ofte la kvanto de kelkaj elementoj de la restaĵa azoto : urata acido, indoksilo, kreatinino, polipeptidoj.

3) La hiperazotemio ne ĉiam estas rendevena ekskluzive; ĝi povas esti kaŭzita de faktoroj kiuj multe ŝanĝas la prognozon, nome la stato de la hepato.

4) La rilato inter la ensanga ureo kaj la restaĵa azoto, kaj la varioj de tiu rilato, montras ke en kelkaj okazoj, kaj ĉefe kiam temas pri akutaj pliiĝoj, la altiĝo de la ensanga ureo povas esti favora, kaj aperigi penadon de la organara defendo.

5) Oni devas sin interesi eble plie, al la studo de la produktado de la ureo, okaze de uremio, ol al ĝia elimino tra la renoj.

Resume ne estas **unu uremio,** sed **uremioj.**

D-ro BRIQUET (Lille).

D-ro F. TVAROL. — **Subita poliurio post apopleksio-forma ikto ĉe kor-malsanulino kun edemoj.** (El « Prakticky lékar », 1934, paĝo 383.)

616.12

Unu kazo de subita granda poliurio aperinta tuj post apopleksioforma ikto, kiu estis kaŭzita de psiĥa ekscito. La ikto estis kaŭzita per kuntiriĝo de cerbaj angioj, kiuj estis sentemigitaj per vazo-aktivaj substancoj al reteno de urinaj substancoj, ĉar ĉi tiu kazo estis kronika kor-malsanulino kun hipostazaj edemoj. Subita poliurio komenciĝis per trafo de vegetecaj centroj de diencefalo. Pri ĉi tiu opinio atestas simptomoj de paroksismo kaj eksperimentoj faritaj sur malsanulino. El eksperimentoj precipe provo de Hoff, kiu montris

difekton de hipotalama regiono. (Se post dono de pituitrino ekestos malintensigo de diurezo, ni laŭ tio konkludas, ke hipotalama regiono estas nedifektita. En menciita kazo la diurezo post pituitrino kontraŭe pligrandiĝis.)

D-ro MAREK (Ml. Boleslav).

D-ro GENET. — **La sindromo « hipertermio kaj paleco » ĉe la operaciitaj suĉinfanoj.** (El « Journal de Médecine de Lyon », n-ro 389 20-3-36).

616 -089.168.85 -053.3

Tiu malofta sindromo estas grava; ĝi karakteriziĝas per progresa plialtigo de la temperaturo, komencanta 5 aŭ 6 horojn post la operacio, atinganta 41°, 42°, aŭ plie, kun speciala paleco de la haŭto. La morto povas okazi antaŭ la trideka horo, sed resaniĝo restas ebla.

La patologia anatomio ne permesas klarigi la morton. Verŝajne temas pri incito de la termaj centroj (ne tute kreskintaj ĉe la suĉinfano), sekve de perturbo okazinta en la sekrecio aŭ en la cirkulada ciklo de la cerbo-spina likvaĵo, ĉe la 3a ventriklo.

Medicina kuracado : Batalado kontraŭ la hipertermio, kaj helpo al la koro. Lumba punkcio iafoje sukcesis.

D-ro J. SEDILLOT. — **La problemo « Podagro » post la Vittel'a Kongreso.** (El « Le Phare Médical de Paris », n-ro 158, februaro 1936).

616 -002.78

La aŭtoro revizias la opiniojn esprimitajn dum tiu Kongreso, kaj ilin, laŭvice, kritikas.

Laŭ Merklen la podagro konsistas el 1) hiperuratemio pro nesufiĉa elimino, 2) sanga nekonstanteco kun emo al precipitado, 3) partopreno de la histiomonocita sistemo.

— Hiperuratemio ? ĝi ne estas diskutebla, sed la kvanto de uratacido en la sango ne konigas la kvanton de tiu acido en la organismo.

— Precipitado ? ĝi estas konsentita de preskaŭ ĉiuj. La hipotezo de floketado de Lumière tre gravas.

— Alergio ? Laŭ multaj aŭtoroj la podagro estus alergia produkto.

D-ro Sedillot ne konsentas.

— Histiocita diatezo ? La rolo de la blankaj sangoglobeloj ne estas neigebla, sed ĉu ili partoprenas en uratogenezo, en uratopeksio, aŭ en uratolizo ? En uratolizo laŭ Sedillot, kiu liveras denove

sian propran teorion pri la genezo de la podagro; ĝi klarigas samtempe astmon, reŭmatismon, ekzemon, kaj urtikarion, kiuj ofte estas metastazoj de la podagro. Tiu teorio estas « kontraŭfloketa defendo per leŭkocitoj ».

Iam Trousseau diris : «ĉiuj hiperuratemiuloj ne estas podagruloj; ekz. : la leŭkemiuloj ». La supredirita teorio tion klarigas. Estas hiperuratemio ĉe leŭkemiuloj, ĉar estas ĉe ili detruo de multaj blankaj sangoglobetoj, sed ne aperas podagro, ĉar iliaj leŭkocitoj estas neviglaj, kaj malsanaj; kontraŭe ĉe la podagruloj la leŭkocitozo estas forta kaj agema.

D-ro BRIQUET.

D-ro FILDERMAN. — **La asociitaj hipertensioj**. (El « Le Phare Médical de Paris », n-ro 157, januaro 1936).

616,12 -008.331.1

La asociitaj hipertensioj estas oftaj : 23 el 38 kazoj observitaj de la aŭtoro. 12foje ekzistis flebektazioj (8foje kun aliaj sindromoj). Sufiĉe ofte ekzistis ĝenerala adipozo, 4foje haŭta stafilokokozo, 3foje prurito sen azotemio, 1foje astmo, 3foje nervalgioj, 1foje stomaka ulcero kun sangvomoj. Tiuj diversaj perturboj okazis ĉu antaŭ la apero de la hipertensio, ĉu kune kun ĝi, ĉu pli malfrue : ili ŝajnas estis endokrino-simpatik-devenaj, ĉar la kuracado per hemokrinoterapio, ovaria aŭ pankreata, favore agadas samtempe al la hipertensio, kaj al la asociitaj perturboj.

D-ro BRIQUET.

D-ro WILCKEN. — **Dentaj hemoragioj; ilia danĝereco. Nova kuracado.** (El « Le Phare Médical de Paris », n-ro 159, marto 1936).

616.314 -005.1

La denta eltiro povas okazigi morton ĉu pro la anestezilo, ĉu pro infektiĝo, ĉu pro hemoragio; la statistiko de la Parizaj Hospitaloj indikas 4 mortojn ĉiumonate. La hemoragioj okazas pro hemofilio en iom pli ol duono de la kazoj.

Por la kuracado, jen la metodo ĉiam sukcese uzita de D-ro Wilcken. Buleto el hidrofila vato estas volvita en iom da gipso (antaŭe sterilizita) miksita kun iom da bolita akvo; tuj enkonduku la buleton en la alveolon, kaj tenu ĝin unu minuton proksimume ĝis tuta malmoliĝo. Lasu la tamponon 24 aŭ 48 horojn. Samtempe kuracu la hemofilion per la kutimaj rimedoj.

D-ro BRIQUET.

# DIVERSAĴOJ

## N. S. PIROGOV (1810-1881)

de S. ŜTRAJH

Inter la reprezentantoj de la pasinteco, kiuj sin prezentas, kiel vivan modelon de altgrada laborkulturo, eminentan lokon okupas genia ĥirurgo kaj famekonata anatomo, eminenta sociaganto kaj granda teoriulo de pedagogia penso Nikolao Svanoviĉ PIROGOV (naskiĝis en 1810, mortis en 1881).

Ĉi tio estas pruvata per tuta lia vivo, riĉa je grandaj sciencaj atingoj kaj de grandegaj praktikaj rezultoj.

Estante la nepo de kamparano-soldato de l'armeo de Petro la Granda, estante filo de militista et-oficisto, Pirogov, dank' al feliĉa hazardo (dank'al helpo de konatulo de lia patro, de profesoro de Moskva Universitato E. O. Manuĥin) estis anigita al medicin-fakultato, estante dekkvar-jara knabo. La knabo-studento estis sufiĉe bone preparita por perceptado de universitata scienċaĵo, ĉar tiama scienco estis ankoraŭ tre juna kaj nematura.

En tiu scienca medio Pirogov pasigis kvar jarojn. La plimulto de profesoroj-medicinistoj ne uzadis eksperimentojn dum siaj lekcioj kaj Pirogov, kiel li mem rakontadis « dum tuta tempo de studentigo nek unufoje sin ekzercadis je kadavroj en sekciejo », li sekcipreparis eĉ ne unu muskolon kaj antaŭ aniĝo al Dorpata universitato sentis nenian emon ekscii kion ajn el propra sperto, okulvide, li estis kontentigata tute per tio, kion li ellernis el libroj, el notoj en kajeroj, el lekcioj. Temas pri anatomio, en kiu Pirogov poste faris grandajn eltrovojn. La alia scienco, kun kiu estas kunligita la nomo de Nikolao Svanoviĉ — ĥirurgio — ankaŭ estis por li en la jaroj de moskva studentigo « tute malbela kaj nekomprenebla ». Li « finis kurson, farante nek unu operacion, ne esceptante la sangellasadon kaj la denteltiron; ne nur je la vivulo, sed ankaŭ je la kadavro, li ne faris eĉ unu operacion ».

Simila instruado certe ne povis akceli la evoluon de naturaj kapabloj de Pirogov. Li estus restinta malklerigulo, se al li ne helpus denove ĉionpova hazardo. Oni starigis profesoran instituton ĉe Dorpata universitato.

Profesoro Muĥin denove ekzorgis pri Pirogov, kiu estis sendita Dorpaton elektinte la ĥirurgion, kiel sian fakon.

En duongermana Dorpat, Nikolao Svanoviĉ unuafoje trafis la medion de vera scienco kaj de planeca, sistemeca laboro.

En Dorpat, Pirogov laboris tre multe; li faradis fiziologiajn eksperimentojn, tagojn kaj noktojn li trasidadis en anatomia teatro (sekciejo) ĉe sekcpreparado, li speciale studadis arteriajn trunkojn, farante eksperimentojn de artericirkaŭligoj ĉe hundoj kaj ĉe bovidoj, li multe legadis kaj verkadis. Rezulte de ĉi tiuj laboroj aperis doktora disertacio de Pirogov, kiu laŭ deklaro de fakuloj kaj nuntempe povas « esti bonega ekzemplo kiel oni devas alpuŝi al solvado de problemoj de praktika medicino ». Dank' al noveco de metodo la verko de Pirogov atentigis ankaŭ eksterlandulojn, ĝi estis tradukita germanlingven kaj enpresita en tiama famekonata ĥirurgia gazeto de Greffe kaj de Valter.

La plej grava flanko de Dorpata agado de Pirogov estas nome tio, ke li unu el unuaj en Eŭropo komencis grandskale sistemece eksperimenti celante solvi la problemojn de klinika ĥirurgio per eksperimentoj je animaloj.

Maje de la 1833 jaro, Pirogov ekveturis Germanujon, kie li studadis en diversaj universitatoj, precipe en Berlin, kune nun F. J. Jnozemcov. Tutan tempon de sia restado en Germanujo, Pirogov dediĉadis ekskluzive al sciencaj studoj. Dum du studjaroj en klinikoj kaj en laboratorioj de Berlin kaj de Göttingen li pliprofundigis siajn anatomisciojn, li pliperfektigis sian ĥirurgiteknikon kaj li plilarĝigis la amplekson de sciencaj esploroj en staro de aplikado de anatomio kaj de ĥirurgio.

Post la reveno en 1835 jaro en Ruslandon Pirogov sekve de burokratisma spontaneco ne ricevis promesitan al li katedron en Moskva universitato. Restinte en Apudbalta lando, Nikolao Svanoviĉ disvolvis komence en Riga kaj poste en Dorpat grandan praktikan kaj sciencan agadon. Li sukcese faradis deĥojn da nekonataj ĝis tiam operacioj kun rapideco miriginta ĉeestantajn kuracistojn kaj profesorojn. Private li prelegadis por ĉi tieaj kuracistoj kursojn de ĥirurgia anatomio kaj de operativa ĥirurgio. Baldaŭ Pirogov akiris en Apudbalta lando grandan gloron de fama scienculo-teoriulo kaj de eminenta praktikulo.

Dorpata universitato laŭ statuto estis kompletigata de profesoroj devenantaj el tiea lando aŭ el Germanujo. La rusoj estis allasataj nur al katedro de rusa lingvo, kiu estis eluzata de bienulara registaro kun celo de perforta rusigo de universitato por dolorpremado de nacia sento de tieaj aborigenoj. Kompense, la universitato kroĉeme defendadis sian rajton ne allasi la rusojn al aliaj katedroj.

La diligenteco de N. S. Pirogov, liaj grandegaj scioj kaj neordinara majstreco en operaciteckniko rompis naciajn barojn kaj universitatkonsilantaro unuanime elektis 25jaran rusan doktoron profesoro por vakinta katedro de ĥirurgio.

Nikolao Svanoviĉ ekveturis Peterburgon por formaligi sian postenon. Dum kancelariaj troformalistoj prokrastadis la aferon, Pirogov, vizitante peterburgajn hospitalojn kaj klinikojn, faris tie multe da brilaj, sukcesegaj operacioj; krom tio li prelegis por kuracistoj kaj profesoroj kurson de ĥirurgia anatomio, de scienco tiam tiel nova, ke en Rusujo eĉ oni ne sciis ĝian nomon.

La lekcioj daŭris ses semajnojn kaj allogis multajn aŭskultantojn. Pirogov faradis preparaĵojn je kelkaj kadavroj. Demonstrante je unu kadavro la dispozicion de iu ajn interna spaco de la korpo, li samtempe faradis je la alia kadavro ĉiujn operaciojn, efektivigeblajn en tiu ĉi interna spaco. Ĉi tiu demonstra metodo precipe ekinteresis ĉeestantaron; ĝi estis por ĉiuj nova, kvankam ĉiuj aŭskultantoj studadis en eksterlandaj universitatoj.

Fine la instalo de Pirogov al profesora katedro estis sankciita. En Dorpat, vaste disvolviĝis lia agado de profesoro kaj de kuracisto-praktikulo, agado etendiĝanta je tuta Apudbalta lando, kiun la juna scienculo ĉirkaŭveturadis en tempo libera de universitataj okupoj, farante en la urboj kaj en la urbetoj centojn da operacioj kaj prelegante ĉie, kie kolektiĝadis kelkaj kuracistoj, la kursojn de ĥirurgia anatomio

En Dorpat elmontriĝis ankoraŭ unu trajto de Pirogov, la karakter-trajto malofta por tiu tempo, tre severa kaj tute oferema memkritiko. En antaŭparolo al unu sia verko Nikolao Svanoviĉ skribis : « Mi konsideras sankta devo de skrupulema instruisto tuje publikigi miajn erarojn koj ĝiajn sekvojn averte kaj edife por la aliaj, ankoraŭ pli malspertaj rilate al similaj miskomprenoj... » La memkritiko de Pirogov aperigis indigneksplodon en rondo de praktikaj kuracistoj kies materialaj interesoj estis koncernitaj, ektuŝitaj, per senmaskigoj de la juna profesoro.

Kvin jarojn pasigis Pirogov en Dorpat kaj dum tiu ĉi periodo la genia ĥirurgo atingis la suprojn de sia verkado. Krom la lekciprelegadoj, krom gvidado de praktikaj studoj, krom operacioj, privataj scienkursoj, krom ĉirkaŭveturado de Apudbalta lando kun scienc-praktika celo, krom preparado de junaj scienculoj por profesora agado, Nikolao Svanoviĉ enpresigis tiutempe kelke da gravaj verkoj kun priskribo de rezultoj de siaj eminentaj esploroj. La plej grava el ĉi tiuj verkoj estas « Ĥirurgia anatomio » en kiu estas enhavata la instruo de Pirogov pri fascioj (membranoj kovrantaj la muskolojn). Pri ĉi tiu verko la aŭtoro de moderna marksisma esploro pri scienca agado de Pirogov parolas, ke « la instruo pri fascioj estas ŝlosilo por tuta anatomio; en ĉi tio nome konsistas tuta genia eltrovo de Pirogov, klare kaj precize kompreninta la revoluciigan signifon de sia metodo.»

Ĉi tie spontanece elmontriĝis la dialektika tendenco de pirogova pensado. Kaj estas tre karaktere, por ĉi tiu dialektika tendenco ke Pirogov « konsideras la fascisistemon ne kiel ŝtoniĝintan anatomian dogmon, sed kiel ĥirurgian instruilon por la agado certgrade eĉ ŝanĝanta sian eksteraĵon depende de persekutatajn praktikajn celojn ». La alia dorpata verko de Pirogov — klasika verko pri Akila tendeno — estas bazita sur grandega materialo, sur centoj da eksperimentoj. Pirogov sentis sin premita en provinco Dorpat. Li deziris instrui ne dekojn, sed centojn kaj milojn da studentoj, fari siajn sciencajn observojn ne je dudeko da klinikaj malsanoj, sed en grandegaj ĉefurbaj hospitaloj kun multaj miloj da malsanuloj. Kaj denove okaze survenis hazardo : profesoraron akademian oni decidis renovigi en Peterburgo. Estis invitata ankaŭ Pirogov, kiu postulis aligi al sia katedro grandan militistan hospitalon. En raporto pri ĉi tio Nikolao Svanoviĉ skribis, ke « lia celo estas akceli leviĝon de medicinista arto en la patrolando al sama grado de perfekteco kun la medicino en kleregaj landoj de Eŭropo ».

Post insista batalo kontraŭ kontraŭuloj de publikeco kaj de ĉiuj novaĵoj, Pirogov obtenis ĉion kaj li disvolvis en Peterburgo grandan kaj diversflankan sciencan kaj praktikan agadon ne nur en siaj aŭditorioj kaj klinikoj sed ankaŭ en multaj peterburgaj malsanulejoj kaj sanigejoj kaj en sia privata praktiko.

Pirogov bataladis por la scienco, por la eksperimentoj, por plibonigo de hospitala aferagado. Li laboris en malbona materiala kaj ankoraŭ pli malbona morala ĉirkaŭaĵo. Li devis superadi rutinon kaj inertecon, timon antaŭ ĉio nova kaj malamegon al ĉi tio nova. Al li oni faradis intrigojn kaj insidojn, oni provis deklari lin frenezulo, lin on tedata-klaĉis per kalumnio en koruptebla ĵurnalo de ĝendarmagento Bulgorin per klaĉoj pri lia familia vivo, celante farigi al akademio malamatan novatoron. Pirogov ĉerpis la viglecon kaj la fortojn por tiu malfacila batalo en senĉesa laboro. La humiligita malprogresema lando estis ofte invadata de epidemioj. Pirogov sin ĵetadis al danĝeraj lokoj. Ekzemple, dum ĥolera epidemio en la jaro 1848, Nikolao Svanoviĉ organizis en sia kliniko specialan ejon por ĥoleruloj. En daŭro de 6 semajnoj, li faris ĉirkaŭ 800 aŭtopsiojn kaj pri rezultoj de siaj observoj li raportis ruslingve kaj franclingve en kelkaj verkoj pri patologia anatomio de ĥolero.

Inter multaj sciencaj verkoj de Pirogov dum peterburga periodo de lia agado (de 1841 ĝis 1855 jaro) aparte rimarkiĝas « Topografia anatomio de dissegaĵoj tra glaciigitaj kadavroj » kreita egalmezure per scienca genio kaj per memforgesema insistega laboro. Samtempulo de Pirogov rakontas, ke elpensinte bonan ideon eluzi por la scienco rusan frostegan vintron, Nikolao Svanoviĉ laboris en sia mal-

granda kabineto je glaciigitaj dissegaĵoj de partoj de la homa korpo, rimarkante sur desegnaĵoj la topografion de la dissegaĵoj. Timante difektiĝon de preparaĵoj li malkompatis sin kaj laboris ĝis nokto profunda.

En maljunaĝo, Pirogov kun fiero paroladis pri ĉi tiu sia verko : « Estiĝis bonegaj preparaĵoj treege instrueblaj por kuracistoj. Kaj en Germanujo kaj en Francujo oni provis poste imitadi min, sed mi aŭdace povas aserti, ke neniu donis tiel plenan bildon de normala organsituacio, kiel tie faris mi. »

Per tiuj ĉi verkoj Pirogov senmortigis sian nomon kaj pruvis, ke rusa scienca medicino havas rajton je estimo de tuta klera mondo.

Necesas memori la parolojn de Z. M. Kaganoviĉ pri tio, ke « historio devas esti scienco objektiva, absolute malfalsa », ke « sen tio la historio perdas sciencan karakteron kaj transformiĝas je mitologio ».

La historio pri Pirogov facile povas transformiĝi je mitologio, se ne estos substrekitaj tre multaj negativaj flankoj de lia teorio kaj de praktiko. Vere, la teoriaj eraroj de Pirogov apartenas ne al medicina scienco, en kiu li sin aperigis kiel geniulo kaj negativaj flankoj de lia praktiko ne estas kunligitaj kun ĥirurgio en kiu li estis kaj restas grandega majstro.

Eltiraĵoj el artikolo de *Izvestija*, trad. D-ro A. BUBROV.

---

## ESPERANTISTA KRONIKO

FRANCUJO. — En « L'Esprit Médical », n-ro 117, de la 5a de Januaro 1936, estas anoncata ke nia fervora kolego D-ro Philippet (Paris) malfermis esperantan kurson por kuracistoj en la Psikologia Lernejo 49, rue Saint-André des Arts, en Paris. **Dankon kaj gratulojn !**

— En « Informoj de Esperanto-Asocio de Estonio » (n-ro 167, de 15-1-36, D-ro Kolomojcev faras raporton pri sia restado en Paris, kie D-roj Philippet kaj Moran ebligis al li studadon kaj laboron en la Parizaj malsanulejoj.

——«»——

## BIBLIOGRAFIO

**Ĉu mi dormas « libera » de sandetruaj terradioj ?** de J. C. MIEREMET.

En tiu broŝuro, kiun esperantigis F-ino M. E. GILTAY, la aŭtoro klarigas la rezultojn de la studoj de Barono von POHL, kiu opinias ke diversaj terra-

dioj povas kaŭzi malsanojn kaj eĉ kankron, se oni longtempe restas sub ilia influo. La situon kaj direkton de tiuj radioj povas precizigi « vergirantoj » pere de speciala aparato. La aŭtoro fine donas kelkajn ekzemplojn.

La 16paĝa eleganta broŝuro kun koloraj bildoj estas havebla de F-ino GILTAY, Parkweg, 99, **Voorburg,** Nederlando (Prezo po 0,40 sv. fr. aŭ 3 respondkuponoj por 2 ekzempleroj).

**Ĉu socialismo konstruiĝas en Sovetio ?** (Biblioteko de HEREZULO), de E. LANTI kaj M. IVON. Formato : 14/21 cm. 52 pĝ. Prezo : 3 fr. fr. plus sendkosto : 0,60 fr. (0,30 por la landoj aliĝantaj al la konvencio pri favora tarifo por libroj). Eldonejo : **Esperanto,** 14, av. de Corbéra, **Paris** (XII). Poŝta ĉekkonto : E. ADAM, Paris 1350-62. Respondkuponoj estas akceptataj.

Tiu verko estas unika en sia speco : ĝi konsistas el dialogo inter tri personoj : FUTER, la herezulo, RUPER, la ortodoksulo kaj IVER, la objektiva atestanto, kiu vivis dum pluraj jaraj en Sovetio, tie laboris, restante ĉiam en intima kontakto kun la simpla popolo, kaj forlasis la landon antaŭ nelonge. Tiu dialoga formo donas vivon kaj intereson al temo, kiu estus sen tio alirebla nur de fakuloj.

La preso, aranĝo kaj papero estas bonaj; se ni aldonas, ke la broŝuro estas ilustrita, konsidere la malaltan prezon, ĉiu, kiu ial interesiĝas pri Sovetio kaj socialismo, tiu nepre devas posedi tiun vere valoran verkon, plenan je informoj kaj kongruaj argumentoj.



## ONI DEMANDAS... ONI RESPONDAS...

**En tiu nova rubriko, ni klopodos akiri, por tiuj abonantoj, kiuj tion deziros, specialajn informojn pri temoj speciale interesaj por ili. Sukceso de tiu rubriko dependas de la respondoj ricevataj. Tiu el niaj legantoj, kiu estas speciale kompetenta pri la aludita temo, aŭ kiu povas havigi bibliografiajn informojn, konsciu pri sia morala devo, sendi informojn al la redakcio, kiu ilin publikigos kiel eble plej rapide. Ili tiel donos novan pruvon de la utileco kaj eĉ de la neceseco de Esperanto en la internaciaj sciencaj rilatoj.**

### Temo I. — Osteito fibreca de la makzelo.

**(Vidu I.M.R. 1935, n° 4/6, paĝo 24)**

### Temo II. — Eubiotiko.

Oni deziras scii ion pri la evoluo de tiu higiena movado, de kiam P-ro Ruĉizska publikigis pri ĝi en I.M.R. **(1926, p. 163).**

### Temo III. — Deviga vakcinado en Nederlando.

Iu el niaj abonantoj aŭdis, ke de kelkaj jaroj kontraŭvariola vakcinado ne plu estis deviga en Nederlando, kaj ke la nombro de kazoj de variolo kreskis. Nia abonanto deziras dokumentojn kaj bibliografion pri tiu temo.

# Internacia Medicina Revuo

*Internacia Medicina Revuo* estante sendependa diskutejo, nek aprobas nek malaprobas la ideojn de siaj korespondantoj, kiuj sole respondas pri la opinioj esprimataj kun ilia subskribo.

La redakcio rezervas al si la rajton mallongigi la manuskriptojn kaj korekti ilin, sed nur laŭ lingva vidpunkto.

La senditaj tekstoj estu, se eble skribitaj *permaŝine;* almenaŭ ili estu *ĥlare* skribitaj. Ne publikigitaj ili ne estas resendataj. La aŭtoroj de originalaj artikoloj ricevos laŭeble 25 represigojn de sia verko.

Reproduktoj kaj tradukoj estas nur permesataj *ĥun indiĥo de deveno.*

## ABONOJ

Sin turni al la landaj kasistoj de T.E.K.A., aŭ senpere al la Administracio. Ĉiuj abonoj komenciĝas de la n-ro 1. *Ordinara eldono* kostas, por unu jaro, 7,20 belgojn (3'6 belg. frank.) *Luĥsa eldono,* sur baritpapero, estas rezervata al la subtenantaj membroj, kiuj pagos almenaŭ trioblan kotizon.

**REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO**

**19, Avenue Montjoie, UCCLE 3 (Belgujo)**

Poŝtĉekkonto : Bruxelles n° 2814.51. — Telefono 44.53.00.



# Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio (T.E.K.A.)

## ESTRARO

*Prezidanto* : D-ro W. Robin, Warszawa. — *Vic-Prezidantoj* : P-ro Nishi, Tokio, baj D-ro Bluth, Neuenahr. — *Ĉef-seĥretario* : D-ro Kempeneers, 19, avenue Montjoie Uccle 3. — *Ĉef-ĥasisto* : D-ro G. Canuto, via Pallamiglio, 15, Turino 116. — *Redaĥcianoj de I. M. R.* : P-ro Vanverts (Lille), Droj Robin (Warszawa), Briquet (Lille), Kempeneers (Bruxelles) kaj Blassebrg (Krakow).— *Estraranoj* : D-roj Fels (Lwow), Ulman (Mukaĉevo), Van Becelaere (San Diego).

## LANDAJ KASISTOJ

*Francujo* : D-ro Briquet, rue Solférino, 34, Lille (Poŝtĉekoj : Lille 30.25). — *Japanujo* : D-ro Ryoozi-Ura, Anatomia Instituto Medicina Fakultato, Tokio. — *Meĥsiĥio* : D-ro Ambrosio Vargas, 7a de Bravo, 95, Mexico, D.-F. — *Polujo* : D-ino Muszkatblat, Str. Wspolna, 8, Warzawa (Poŝtĉekkonto 12.651). — *Svisujo* : D-ro Wanner, avenue Georgette, 1, Lausanne.

## KONSULOJ

*Danujo* : D-ro J.-H. Leunbach, Stockholmsgade, 39, Kopenhago. — *Finlando* : D-ro Salokannel, Salminen st. — *Francujo* : D-roj Cotar, Vichy; Dardel, Aix-les-Bains; Gros, Apt (Vaucluse). — *Greĥujo* : D-ro Stamatiadis, Rodou, 21, Ateno. — *Hispanujo* : D-ro Bremon Masgrau, Carrer Balme, 102, Barcelona. — *Litovujo* : D-ro J. Kovarskis, Merkine, Alytus. — *Japanujo* : D-ro Yagi Hideo, Medicina Fakultato Imperia Universitato, Kioto; D-ro Tomasaburo Ogata, Patologia Instituto, Tokio, 1. — *Jugoslavujo* : D-ro Crlenjak, Palmotiĉ str., 20, Zagreb. — *Polujo* : D-ro Leon Zamenhof, Marszalkowska, 125, warszawa. — *Sovet-Unio* : D-ino M. Fomina, Rustaveli, 15 Batum (Kaŭkauo); K-do Snejko, poŝtkesto 33, Minsk (Blankrusio); D-ro Babadagly, Zolotovorotska, 6/30, Kiev; D-ro Skalskij, Jelabova, 1/56, Leningrad. — *Usono* : D-ro Van Becelaere, East Talmadge Drive, 4633, San Diego (Kalifornio)

Imprimerie LIELENS, 18, rue de la Princesse, Bruxelles-Ouest. — Tél. 21.10.98